1. Kion faras la du maljunaj virinoj? Kion faras la infanoj?
2. Kiu portas ĉapelon kaj fumas pipon? Kion li faras? Kion li tenas?
3. Kian scenon ni vidas? Nomu la videblajn objektojn.
4. Kiom da strat-ŝildoj estas videblaj? Kion ili komunikas?
5. Kiuj iras rapide suben? Kiuj iras malrapide supren?
6. Kio okazos post proksimume kvin sekundoj?
7. Kial la aĉa infano staras preta kun fotilo?
8. Kial la biciklo-riparisto staras la ridas kontente?
9. Kiaj estas la biciklo-riparisto kaj la infanoj? Kial vi opinias tion?

# Juna amiko 88

Feb. 88/1
N-ro 44 jaro 15a

INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO - REVUO



*Juna amiko*, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto-Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI).

**Aperas** kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

**Redaktoro** kaj grafiko: Stefan MacGill.

**Adreso** de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

**Anoncoj**: Paĝo: 50 gld. aŭ 500 ft. Duonpaĝo: 35 gld. aŭ 350 ft. Kvaronpaĝo: 20 gld. aŭ 200 ft.

**Kovrilo**: Csilla Borovszki.

Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik évente négyszer. Ára: 10 ft.: 88/1 szám, XV évfolyam. Felelős szerk.: **Schiller Judith**. Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelős kiadó: **Princz Oszkár**. Készült a MESZ Sokszorosítóban: hearota 88-003. Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976;

ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Előfizethető bármely hírlapkézbesítő postahivatalnál, a hírlapkézbesítőknél, a Posta hírlapüzleteiben és a Hírlap-előfizetési és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzőszámra.

Ĉiufoje nova mondparto! Ĉi-foje vi malkovros belajn ekzemplojn de la persa kaj litova por-junulaj literaturoj. Sed nur unu artikolon ni sukcesas prezenti, verkitan de vera junulo - jugoslavo, kiu ĝuis esperantan tendaron ĉe Balatono. Neniu reago ĝis nun atingis nin post nia alvoko, ke junuloj verku "Kial"-rakontojn, laŭ la stilo de tiu en nia lasta numero. Eble ĝuste nun, dekoj da vi en diversaj landoj energie verkas, por ke ni baldaŭ dronu en viaj rakontoj... ĉu? Ja inundas respondoj al la kvizo kaj kruc-vortenigmo, venont-numere la rezultoj – novaj konkursoj ĉi-numere.

Kio ankoraŭ inundis? Nu, interesiĝo pri la revuo pro kelkaj anoncoj en revuo *Esperanto* de UEA. Centon da specimenoj ni forsendis al landoj diversaj kiel Irano kaj Brazilo.

Jam enfluas, kvankam ankoraŭ ne inundas, la novaj abonantoj. Bonvenon al vi ĉiuj! Jen revuo por vi, ne nur por legi, sed ankaŭ por uzi aktive. Jen revuo, kien vi povas sendi viajn rakontojn, leterojn, poemojn, raportojn, ktp, ktp. Ni aparte bonvenigas novajn abonantojn el Islando kaj Jugoslavio, kie antaŭe ne estis.

Ni simile bonvenigas grupon de 250 hungaraj junuloj, kiuj studas Esperanton en la lernejoj pere de la kooperativa movado, kiu estas forta ĉi-lande. Ni tre ĝojas, ke ĝia centra sekretariejo bloke abonis la revuon por tiuj lernantoj, kiuj aktivas en pli ol tridek Esperantaj kursoj, grupoj kaj kluboj tra la lando. En nia venonta numero ni aperigos raporton pri tiu kombino de Esperanto kaj kooperativismo inter junuloj.

Kiel ni indikas sur paĝo 4, ni volonte raportos pli regule pri grupoj ĉiulande, kiuj lernas kaj uzas Esperanton. Do, reagu al nia alvoko pri tio, ke ankaŭ via angulo de la mondo famiĝu sur niaj paĝoj!

Stefan

Por la etuloj

# La vosteto de la hundido






Csilla

Iam hundidon forlasis ĝia vosteto, ĉar la hundido ne volis lavi ĝin. La vosteto vane petegis, la hundido ĉiufoje ne atentis pri ĝi.

Tio tre kolerigis la vosteton. Iun matenon, kiam la hundido ankoraŭ dormis, ĝi mallaŭte ekiris por serĉi pli bonan mastron.

Vekiĝinte la hundo ektimis: "Ho, kio okazos nun? Kiel vivi sen vosto? Hundido ne estas hundido sen vosto."

Ĝi ege malĝojis. Dum la tuta tago ĝi nur kuŝis sub la granda juglando-arbo kaj amare ploretis. Eta koko ekvidis ĝin kaj demandis:

"Kial vi malĝojas, hundido?"

"Ve! Mia malĝojo estas grandega. Forlasis min mia vosteto. Mi ne scias, kion fari!"

"Kion?" ekridetis la malgranda koko, "ekiru kaj serĉu ĝin!"

"Eble la eta koko pravas" pensis la hundido kaj tuj ekiris serĉi sian vosteton. Ĝi senĉese diradis, "se mi trovos mian vosteton, mi ne plu forgesos lavi ĝin."

La hundido iris tri tagojn kaj tri noktojn senripoze ĝis li trovis la vosteton.

Ankaŭ la vosteto estis tre malgaja, ĉar ĝi ne trovis pli bonan mastron ol la hundido.

Ekvidante unu la alian ili ĝojege interbrakumis kaj man-en-mane ili ekiris hejmen.

Ekde tiam la hundido ĉiufoje lavis la vosteton kaj ili vivis feliĉe.

**Apáti Kovács Béla, Kaposvár, Hungario.**

vane: sensukcese
mastro: estro
vekiĝi: ne plu dormi
amare: kolere, malgaje
serĉi: provi trovi
interbrakumi: saluti korpe

ekiris = subite komencis iri
ektimis = subite komencis timi
ekridis = subite komencis ridi
ekvidis = subite komencis vidi
ekvidante = kiam li ekvidis
vekiĝante = kiam ĝi vekiĝis

## Tutmonde ni studas kaj uzas!

Ni tiel ĝojas prezenti la sekvan artikolon el Jugoslavio, ke ni donas al ĝi honoran lokon komence de la revuo. Divenu kial ni laŭdas ĝin. Unue, verkis ĝin lernejano. Due, li raportas pri sia Esperanto-grupo kaj kiel ili praktike uzis la lingvon internacie. Ĉi tiu artikolo jam aperis en kroata junulara magazino kune kun grup-foto (kiun ni bedaŭrinde ne povas reprodukti).

Ni tre volonte ricevos similajn artikolojn estonte. Sciu, ke ĉiu verkinto ricevas tuj post la apero almenaŭ tri ekzemplerojn de la revua numero, en kiu lia aŭ ŝia artikolo aŭ rakonto aperas.

Ni kredas, ke niaj legantoj ŝatus scii pli klare pri la instruado kaj uzado de Esperanto en lernejoj kaj infanaj grupoj, kaj ankaŭ pri denaskaj esperantistoj. Mi mem, kaj la instruistoj, kiuj legas *Juna amiko* certe volas scii. Nia revuo povos iĝi ligilo inter tiuj grupoj. Do, lernejanoj, skribu pri viaj grupoj, ekzemple:

**Kie** troviĝas via lernejo, urbo, lando.
**Kiom da** lernantoj, instruistoj kaj helpantoj aktivas.
**Kiomaĝaj** estas la lernantoj en via grupo.
**Kion** vi studas, faras, pretigas, legas.
**Kiel** vi studas - kiujn agadojn en via kurso vi plej ŝatas.
**Kiam** la grupo fondiĝis, kiomlonge daŭras la kurso.

## PERANTAJ NOVAĴOJ

Ni anoncas novan peranton en Usono: ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530: abono $4,25. La sveda tarifo aperis erare pasint-numere: ĝi estas 30 kronoj. La jugoslava abono estas 600 dinaroj. Aldone al perantoj en Francio, Svedio, Belgio, Britio, Brazilo, Jugoslavio kaj Usono, ni baldaŭ anoncos perantojn en Israelo kaj Venezuelo. Memoru, ke ĉiam ajn akceptas abonojn la ĉefa internacia peranto: UEA, Nw Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando: 8,40 gld. (ekde 3 ekz. 7,50 gld; ekde 8 ekz. 7,00 gld.; ekde 30 po ses guldenoj).

Ni havas apartajn varbilojn por Brazilo, Britio, Francio, Hungario, Jugoslavio, Svedio, Usono kaj unu por la ceteraj landoj. Petu kelkajn ekzemplerojn, se vi volas varbi por ni abonantojn!

**Kia** estas la kurso, ĉu oficiala, hobia aŭ alia.
**Kien** vi skribis aŭ skribos por korespondi internacie, kien vi vojaĝis, intencas aŭ deziras vojaĝi. **Kaj tiel plu...**

Ni atendas kaj aperigos viajn raportojn! Ni plusendos ricevitajn informojn al s-ro Germiane Pirlot en Oostend, Belgio, kiu nun kompilas informojn pri ĉiuj Esperanto-klasoj en la mondo por la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Kaj ni ankaŭ ricevos de li informojn kaj aperigos ilin en *Juna amiko*. Mi prezentos en la venonta numero raporteton pri la Esperantaj klasoj, kiujn mi mem vizitis en la lastaj monatoj, en Svedio kaj Francio.

smg

# Plej grava estis la amikeco...

Mi nomiĝas Val el Velika Gorica, esperantisto-komencanto. Rakonti mi volas al vi, kiel estis. Temis pri internacia tendaro ĉe la lago Balaton en Hungario, kun 3000 junaj homoj, ankaŭ esperantistoj. En Hungario la Esperanto-movado estas tre forta, ĉar hungaroj tre malfacile lernas fremdajn lingvojn, kaj simpla lingvo kiel Esperanto faciligas al ili penetri en la mondon. Ankaŭ la Zagreba grupeto kontaktis kun la gastigantoj en Esperanto, kvankam nek ni nek ili estis grandaj spertuloj.

Ĉiutage ni aŭskultis pri la historio de Esperanto kaj perfektigis nian scion de la lingvo. Krom lernado, "devigaj" estis du horoj da banado en Balatono. La akvo de Balatono estas malklara, sed ĝi estas agrabla, eĉ pli varma ol la Adriatika Maro. Sur la fundo de la lago estas tre fajna sablo sen ŝlimo kaj ŝtonoj. Tial en tiu ĉi akvo vi povas sat-amuziĝi per diversaj ĝuindaj ludoj.

Estis mirinde kiam nia grupo kun eble 150 hungaroj, bulgaroj kaj jugoslavoj ekskursis al Tihany. Survoje ni vizitis katakombojn – subteran parton de preĝejo – en kiu estas enterigita iu el la reĝoj el la familio de Árpád. Tiun ĉi tagon ni memoras, kiel la tagon, kiam ni elspezis la plej grandan parton de nia poŝ-mono.

Plej grava estas la amikeco, kiu dum dek tagoj kreskis inter ni ĉiuj. Ni bedaŭris, ke ni ne povis resti ankoraŭ dek tagojn kun la samaj geamikoj. Se ĉiuj plenk-reskuloj estus tiel harmoniaj, ho, tio estus mirinda.

**Val Djaković, 7a klaso,**
**Lernejo "Veljko Vlahović",**
**Velika Gorica, Jugoslavio.**

تعجب انگشت به دهان حیران شده بود، چشمهایش را گرد کرد و

*Ni tre ĝojas prezenti por-infanan literaturan verkon el ankoraŭ unu grava kulturo – la persa. Ĝian ekziston ni dankas al la nove fondita Irana Traduk-Centro (ITC). La verko originale aperis en 1986 en la persa por-infana magazino "Kejhane Baĉĉeha", al kiu ni dankas la ilustraĵojn.*

# Kuketo

گفت: – آهای پیرمرد، خوشمزه هست؟! پیرمرد دهانش را باز و بسته

Tre malsamis la koloro kaj odoro de la granda bazaro kompare al la antaŭaj tagoj. Kvazaŭ ĉiuj homoj venis por aĉetado. La odoro de medikament-herb-vendejoj, la fumo de aromaj herboj, la odoro de bon-koloraj narcisoj, la ekspono de divers-koloraj ŝtofoj, kiuj pendis de la butik-pordoj, la bruo de la portistoj, kiuj transportis la varojn tien kaj reen, la ĝoj-krioj de infanoj, kiuj tenis la ĉadoron de la patrino, la hasto de la preter-pasantoj kaj ... ĉiuj ĉi rakontis pri la proksimiĝo de la printempo. Ili volis festi la alvenon de la nova sezono.

La maljunulo miris pro ekvido de tiom da homoj. Kvankam ĝis tiam, li multfoje trapasis la bazaron, ŝajnis ĝi al li nova kaj vidinda. Kvazaŭ li neniam antaŭe trapasis ĝin. Ŝajnis, ke li neniam vidis la belan brikumadon de la plafono, kiu havis en si fenestretojn post ĉiuj kelkaj paŝoj, kaj la lumo povas trapasi ilin. Ĉiuj aĵoj estis interesaj por li. Kiam li trapasis la mezon de la bazaro, venis odoro al lia nazo. La odoro de bongustaj kuketoj! Ju pli li antaŭen-iris, des pli li sentis la odoron. La salivo kolektiĝis en lia buŝo. Ŝajnis, ke li ĝis tiam neniam flaris tiun bonodoron. La odoro ŝajnis nova por li. Nun, jam la trapaso de homoj, la vido de divers-koloraj ŝtofoj, la odoro de la herboj kaj la ĝoj-bruoj de la infanoj ne plu estis interesaj por la maljunulo. Li jam pensis nur pri la bongustaj kukoj kaj dolĉaj panoj kaj la diverskoloraj bombonoj. Li pensadis pri tio kiam li atingis la grandan kuk-vendejon. Estis nova sperto por li ankaŭ la ekvido de tiom granda kukejo. La maljunulo ĵetis rigardon al la vendejo tra la granda montro-fenestro, kaj ties koloraj vitroj. Tiom, kiom li povis vidi la vendejon, vidiĝis homoj, grandaj kaj malgrandaj. Poste li vidis grandan paperon sur la vitro. Sur ĝi estis skribite: "Por aĉeti jenajn bongustajn kukojn, vi devas antaŭe mendi kaj pagi, kaj post tio ni preparos

ilin por vi kaj...". La maljunulo, kiom ajn li rigardis la paperon, neniom komprenis, pri kio temas. Li ne povis legi eĉ unu vorton de la skribaĵo. Li refoje rigardis la vendejon kaj ridetis elkore:

"Nu, ĉi tie!... oni ne pagas, kaj tamen ricevas kuketojn. Kiel mirinde! Do, ankaŭ mi eniros..."

Li malfermis la grandan pordon kaj eniris. Li staris ĉe la vendo-tablo. La vendisto rigardis lin kaj demandis:

"Kion vi deziras, kara?!"

"Mi deziras kukon, kara sinjoro. Mi tuj deziras unu kilogramon da tiuj ĉi kuketoj!"

"Bonvolu sidiĝi, maljunulo. Kiam la kukoj disdoniĝos al tiuj klientoj, se restos iom, mi donos ankaŭ iom al vi. Unue, mi devas doni al tiuj homoj.

La maljunulo preter-pasis la aĉetantojn kaj sidante apogis sin al la muro. Li preĝis en si por la kukisto. Li estis ĝoja, ke la kukisto senpage disdonas la kukojn al la popolo. Iom post iom malmultiĝis la aĉetantoj. La kukisto plenigis la pakaĵon de la lasta aĉetanto, kaj sekve turnis sin al la maljunulo kaj diris:

"Vi petis unu kilogramon? Mi tuj nun volvos ĝin por vi."

"Ho, sinjoro, ne necesas! Mi manĝos la kukojn nun ĉi tie! Mi estas tre malsata."

"Jen, faru kion ajn vi deziras."

Kiam la maljunulo enbuŝigis la unuan kukon, li ne plu malrapidis. Tuj li el-skatoligis la kukojn kaj enbuŝigis ilin kelkope. La kukisto, kiu pro



miro metis sian fingron en la buŝon, rondigis la okulojn kaj diris:

"Ho, maljunulo, ĉu ili estas bongustaj?"

La maljunulo malfermis kaj fermis al si la buŝon, kaj ĉar li ne povis paroli kun plena buŝo, nur skuis la kapon jesante. La salivo estis fluanta tra liaj lipoj. Li laŭdis manĝante la kukojn. Ne daŭris longe, ĝis la maljunulo manĝis ĉiujn kukojn. Li ekstaris, purigis siajn vestojn, kaj tre ĝoje pretiĝis por foriri. En tiu momento, la kukisto ek-kriis:

"Ho, maljunulo, la mono... Ne-paginte kien vi iras?!"

La maljunulo sekiĝis pro miro. Li turnis sin ne-kredeme al la kukisto kaj diris:

"Kion vi diris?! Vi donis tiom da kukoj al tiuj klientoj senpage. Nun ĉe mia vico, vi postulas monon,... kiun monon?"

La kukisto alkuris kolere al li, prenis lian jakon kaj kriis:

"Nu, ĉi tiel facile vi volas formanĝi mian havaĵon?! Ho, Habibo, Abbaso, Amiro, alkuru ĉi tien..."



Ene de unu momento alvenis la lerno-servantoj de la kukisto. La kukisto rakontis la aferon al ili. Kiam ili komprenis, ke nenio troviĝas en la poŝoj de la maljunulo krom du senvaloraj moneroj, ili remetis la monerojn en liajn poŝojn kaj ekbatis lin tiom, kiom ili havis forton.

La maljunulo eliris el la vendejo lamante. Li ankoraŭ sentis la dolĉecon de la kukoj, sed la batoj de la lerno-servantoj malpliigis ties dolĉecon...!

Al la maljunulo subite venis nova ideo. Kolektiĝis salivo en lia buŝo pro la rememoro de la hieraŭaj okazaĵoj. La kuketoj marŝis antaŭ liaj okuloj. Poste li rememoris la batojn. Li pripensis: "Se mi batiĝos denove sam-tiom, valorus por ke mi manĝu refoje kilogramon da tiuj bongustaj kukoj!" Poste li ekiris al la kuk-vendejo. Baldaŭ li trovis sin antaŭ ĝi.

Refoje flariĝis la odoro de la bongustaj kukoj. Li rigardis la vendejon. Kiel dum la pasinta tago, ĝi estis plena de aĉetantoj. Jen kaj jen malfermiĝis la pordo kaj la aĉetantoj eliris kun plenaj manoj. Li rigardis

تـصدیق تـکان داد. آب از لـــب ولوچه‌های پیرمرد روان بود. کلو

narciso: flav-blanka floro.
ekspono: ekspozicio, elmontro.
ŝtofo: teksaĵo el kiu oni faras vestojn.
ĉadoro: granda surtuto, per kiu islamaninoj kovras la tutan korpon.
miri: surpriziĝi.
flari: senti per la nazo.
apogi sin al: klini sin kontraŭ.
volvi: ĉirkaŭi per papero aŭ ŝtofo.
skui: movi tien-reen.
laŭdi ion: esprimi favoron, aprobon aŭ entuziasmon pri io.
lama: malkapabla bone paŝi.
gapi: rigardi per grandaj okuloj.
enspezi: perlabori aŭ akiri monon.
ŝarĝo: peza portenda varo.

چه‌ها را که می‌خورد، به به می‌گفت: چیزی نگذشت کـه تـمامی یـ

envie ilin. Li sub-lipe diris: "Je la nomo de Dio", kaj eniris. Apenaŭ li iris kelkajn paŝojn, kiam li ekvidis la kukiston. La kukisto rigardis lin gapante dum momentoj kaj diris:

”Kion vi volas?!”

La maljunulo ridetis kaj diris:

”Se estos laŭ la hieraŭa prezo, bonvolu doni ankoraŭ kilogramon da bongustaj kukoj.”

La kukisto ek-kriis: ”Ho, Habibo, Amiro, Abbaso...”

Kiam la maljunulo vidis la koleriĝon de la kukisto, li tuj komprenis la danĝeran situacion. La afero diferencis de la hieraŭa; ĉi-foje li devus batiĝi, ne manĝinte la kukojn. Li haste sidiĝis, enŝuigis siajn piedojn bone kaj ek-for-iris.

Li atingis la mezon de la bazaro forte spiranta. Li enpoŝigis sian manon, sed kiom ajn li serĉis, li trovis nur la samajn senvalorajn monerojn. Li aĉetis panon per tiuj moneroj kaj ĝin enbuŝigis. Post tio li ekpensis pri io. Li ekmemoris, ke tiu horo de la tago estas enspeziga. Li sciis, ke tiu-momente ĉe la bordo de la haveno, jam ankris multaj barkoj kaj ŝipoj, kaj oni serĉas ŝarĝ-portistojn. Tio estus bonega ideo. Li devis rapidi al la bordo. Per la mono, kiun li tiel perlaborus, li povus aĉeti multajn kuketojn. Aliĝis la krio de la maljunulo al la trankvilaj ondoj de la bordo:

”Ho, mi estas portisto. Mi ŝarĝo-portos...”

Verkis:
Bahman Pegah Rad, Irano.
Tradukis:
Mohammad Rezai Saadat,Irano.

وچون بادهانش پر نمی‌توانست جواب بدهد، فقط سرش را بــه‌عـلـا

"Klubo de Legantoj"

# Familio, kolektivo, socio

Karolo rakontas: En mia familio estas krom miaj gepatroj du malpli aĝaj fratoj. Mia fratino, kiu estas pli aĝa, loĝas kun sia edzo aliloke. Ŝi ekkonis sian edzon dum vojaĝo. Mi bone memoras ŝian geedziĝan ceremonion. Dum la posta festo ankaŭ mi diris toston al la estintaj gefianĉoj, t.e. la nov-geedzoj. Nun mia fratino estas graveda, post eble kvar monatoj ŝi akuŝos kaj naskos idon. Mia patrino certe helpos sian bofilon; ŝi antaŭĝojas esti avino kaj diras, ke ŝi bonvenigos mian nevon.

Miaj propraj geavoj loĝas en aliaj urboj. Unu avino estas jam vidvino. Mi memoras, kiam mortis mia avo. Mi estis en la kremaciejo, la ĉerko kun mia avo situis dum la funebra ceremonio inter kandeloj kaj florkronoj.

En nia domo loĝas miaj geonkloj, mi ludas kun miaj gekuzoj kaj frekventas kun ili la saman lernejon. Alia onklo eksedziĝis, li vivas kun sia filino kaj alia virino, kiu fariĝis bona duon-patrino por mia kuzino. En mia klaso estas multaj amikoj kaj kamaradoj, ĉar ni estas bona kolektivo. Unu klasano estas orfo, alia estas adoptita. Ankaŭ miaj najbaroj estas samklasanoj.

Matene mi salutas ĉiujn, precipe dum festo-tagoj mi gastigas kelkajn kaj dum feria vojaĝo mi skribas al ili leterojn aŭ poŝtkartojn.

*Parigu la vortojn maldekstre kun la bonaj difinoj dekstre.*

| | |
|---|---|
| 1. gepatroj | A: formala saluta bondeziro. |
| 2. orfo | B: viro, kiu intencas edziĝi. |
| 3. tosto | C: persono, kiu loĝas en apuda domo. |
| 4. kuzo | Ĉ: kondolenca kunveno pro la morto de iu. |
| 5. onklo | D: personoj kun la samaj gepatroj. |
| 6. avo | E: la edzo de la filino. |
| 7. eksedziĝo | F: infano, kies gepatroj mortis. |
| 8. funebro | G: apartiĝo de edzo kaj edzino. |
| 9. najbaro | Ĝ: fondi familion. |
| 10. bofilo | H: la filo de frato aŭ fratino. |
| 11. fianĉo | Ĥ: filo de la frato de patro. |
| 12. gefratoj | I: solena renkontiĝo. |
| 13. geedziĝi | J: la patro kaj la patrino. |
| 14. nevo | Ĵ: la patro de la patro. |
| 15. ceremonio | K: la frato de patro. |

smg

*Solvu la sekvan problemon:*

Knabo diris: "Mi havas tiom da fratoj kiom da fratinoj." Lia fratino diris: "Mi havas trioble da fratoj ol fratinoj." Kiom da gefratoj troviĝas en tiu familio?

**Sendu viajn respondojn al ambaŭ ekzercoj poŝtkarte al Josef Chvosta, Leninova 16, CS-29001 Podebrady, Ĉeĥoslovakio ĝis la 1-a de majo.**
**Ni lotumos premiojn. Rezultoj en numero 88/3.**

# PIGO




Pigo sur stango sidas kaj asertas,
    ke sukero sala estas,
Kaj pli grandas la formiko
    kaj malgrandas la korniko
Ke la marakvo sekas ĉiam
    ke bovo pli pezas ol muŝo neniam
Ke ruĝa estas lakto
    ke vipuro mordas per vosto (fakto),
Ke sur la kverko kreskas kankroj,
    ke forĝisto en la buŝo havas fajron.
Ke plej bone flugadas bovinoj,
    ke plej bele kantadas striginoj,
Ke bekon anstataŭ kapo havas cikonio,
    ke estas varmega glacio,
Ke fiŝoj sin paŝtas sur herbejo...

Ke herbo el lado estas,
    ke nokt' matene komenciĝas,
Sed neniu ĉi tion fidadas,
    ĉar sciate – la pigo mensogadas.

**Verkis Jan Brzechwa.**
**Aperis en la libro *Zwierzyniec* el 1985.**
**Tradukis: Irena Winnicka kaj Czeslawa Bandrowska.**

**Ramutė Skučaite**

# koncertas

**Infan-poemo el Litovio**

**Tradukis Petras Čeliauskas**




En arbaro
regas bruo –
Pri anonco
Diris gruo!

Certe jes!
Sur fungo flava
Pendas jen
Afiŝo grava:

”Morgaŭ
Sur placet' "Vesperto"
Estos granda art-koncerto.
Ĝin aranĝas verdaj ranoj
Venu ĉiuj kun infanoj!

Estos kanto
Tre valora
Pri la marĉo verdkolora.

Ni pri marĉo
Kantos verse,
De komenco
Kaj inverse.
Solo sonos kaj kvartetoj.
Por eniro – du muŝetoj.”

Šiandien
Girioj sujudimas –
Pabalėj
Kažkoks skelbimas!

Iš tiesu –
Ant seno grybo
Afiša
Didžiulė kybo:

”Ryt
Visiems ateiti verta
I žaliu varliu koncerta.
Varliukus susisodine,
Trauksim darnia sutartine!

Bus daina
Graži be galo
Apie žalia miško bala!

Apie bala.
Apie bala!
Iš pradžios,
Paskui – iš galo!
Kviečiame visus klausytis!
Iėjimas – dvi musytės.”




VORT-KLARIGOJ POR LA POEMO:

afiŝo: presita papero, kiu anoncas ion al la publiko.
vesperto: blinda mamulo, kiu flugas kaj pendas de branĉoj kapaltere.
fungo: agariko.
marĉo: malseka grundo kie vivas ranoj kaj akvobirdoj.
verso: unu linio de poemo.
inverse: en la kontraŭa direkto.
solo: kanto prezentita de unu persono (aŭ rano!).
kvarteto: kvar-persona (aŭ -rana) kantgrupo.
muŝeto: insekto, kiun ŝatas manĝi ranetoj.

VORT-KLARIGOJ POR LA ARTIKOLO:

traduki: ŝanĝi tekston de unu lingvo al alia.
parenco: patro, patrino, frato, avo, ks.
antikva: tre malnova.
ligo: konekto, rilato.
verki: skribi literaturaĵon, ekz. poemojn.

Antaŭ kelkaj numeroj ni faris alvokon por alsendo de infana literaturo. Jam nia antaŭa redaktoro, Oldrich Kníchal, ricevis plurajn verkojn. Li ricevis multajn el Litovio, balta respubliko nord-okcidente en Sovet-unio. Venis sufiĉaj, ke ankaŭ *Juna amiko* rajtas prezenti kelkajn. Supre jen unu, bele tradukita el la litova lingvo.

Tiu lingvo estas tiel interesa, ke ni prezentas ankaŭ la originalan tekston. Ĉu vi scias ion pri la litova lingvo? Se vi ne estas Litovo, aŭ ne havas litovan parencon, vi verŝajne povas kompreni preskaŭ nenion, ĉar la



litova lingvo ne similas al aliaj. Ĝi estas hind-eŭropa lingvo, same kiel la rusa, pola, ĉeĥa, slovaka, bulgara kaj la aliaj slavaj lingvoj, sed la litova ne estas slava lingvo! Ĝi ja estas hind-eŭropa same kiel la franca, itala, hispana, portugala kaj rumana kaj la aliaj latinidaj lingvoj, sed la litova ne estas latinida lingvo! Ĝi ja estas hind-eŭropa lingvo same kiel la angla, germana, sveda, nederlanda, dana, norvega kaj la aliaj ĝermanaj lingvoj, sed la litova ne estas ĝermana lingvo! Mistero! Ĝi estas nek slava, nek latinida nek ĝermana. Ĝi estas verŝajne la plej antikva hind-eŭropa lingvo

vivanta en Eŭropo, kaj ĝi havas ligojn kun la sanskrita lingvo de Hindio! Ĉirkaŭ 2,5 milionoj da personoj parolas ĝin.

Esperanto povas ludi gravan rolon por prezenti al la mondo la poemojn kaj rakontojn verkitajn en malvaste uzataj lingvoj. Tial ni diras, ke Esperanto povas esti ponto inter la lingvoj kaj la kulturoj.

Do, jen vi konatiĝis kun Litovio. La aŭtorino de la poemeto jam eldonis ses poem-kolektojn por infanoj.

# kune ni kanone kantu!

## Ĝojante vi estas reĝo

(kanono)




Laŭvorte la germana originalo tekstas:
Malmulte necesas por ĝoji, kiu ĝojas estas reĝo.

Germana teksto kaj muziko:
August Mühling.
Adaptis la esperantan tekston:
Franz-Georg Rössler, F.R. Germanio.

Jen kanono kiun vi ĝuu kaj kantu kune. La redaktoro komplezos vin; li ne kunkantos. Li havas problemon pri kantado. Li estas muzike analfabeta; li nek kapablas legi nek skribi muzikon. Krome, li havas ŝtofajn orelojn – po unu ĉiuflanke. Do, se vi volas sendi kanton (bonvolu!), ni petas vin se eble jam bele desegni la muziknotojn per nigra plumo, en la ĝusta linilarĝo – 115mm. La oreloj de la redaktoro dankas anticipe!

Dum ni parolas pri la redaktoro, atentu, ke li ĵus transloĝiĝis, kune kun pluraj kubaj hektaroj da libroj, *Junaj amikoj*, kovertoj, ŝnuraĉoj, plantoj, kaj la du menciitaj oreloj, tiel ke la adreso en strato Füredi, kiu iam aperis en la revuo, NE PLU VALIDAS. Bonvolu estonte ĉiam uzi la adreson de HEA, aldonante klare koverte ĉu la nomon de la redaktoro, ĉu la vortojn ”Juna amiko”.



# Oni devas kompati lin!

*Du amikoj babilas surstrate en eta vilaĝo.*

**Rados:** Mi estas kompatinda! Oni devas kompati min. Mi ne povas perlabori monon.

**Demul:** Oni devas labori por perlabori monon, ĉu ne?

**Rados:** Kompreneble. Sed nuntempe mi ne povas labori, sekve mi ne povas perlabori monon.

**Demul:** Kial vi ne povas labori?

**Rados:** Mi estas taksi-ŝoforo, sed mi devas ripari mian taksion. Mi devas aĉeti novan radon por ĝi.

**Demul:** Kiel la rado difektiĝis?

**Rados:** Mi havis akcidenton. Hundo kuris antaŭ la taksio. Mi ne volis trafi la hundon, mi provis turniĝi subite. Sed mi ne sukcesis eviti trafi bicikliston. La biciklisto devis iri al hospitalo, la biciklo kaj la taksio devis iri al riparejoj, nur la hundo povis plu-iri sen-probleme. Mi devas aĉeti novan radon por mia taksio.

**Demul:** Ĉu vi povos aĉeti novan radon ĉi tie en la vilaĝo?

**Rados:** Ne, mi ne povos aĉeti ĝin ĉi tie, ĉar ne ekzistas aŭto-riparejo, nur biciklo-riparejo. Mi devos iri al la granda urbo.

**Demul:** Kiam vi iros al la urbo?

**Rados:** Jen mia problemo. Mi ne povas iri, ĉar mia taksio ne funkcias.

**Demul:** Ĉu vi ne havas alian aŭton?

**Rados:** Ne. Mi neniam sukcesis aĉeti duan aŭton. Mi ĉiam volis havi duan, sed mi neniam sukcesis ŝpari sufiĉan monon.

**Demul:** Ĉu vi ne povas iri al la granda urbo per trajno?

**Rados:** Ne, mi ne povas iri per trajno, ĉar por tio oni devas aĉeti bileton.

**Demul:** Kial vi ne povas aĉeti bileton?

**Rados:** Mi jam diris al vi – mi ne havas monon. Mi sukcesis ŝpari sufiĉan nur por aĉeti radon – ne por aĉeti kaj radon kaj bileton.

**Demul:** Do, vi devas telefoni al la riparejo en la granda urbo. Vi devas peti ilin sendi radon al vi.

**Rados:** Jes, mi provis telefoni. Sed ili ne povas vendi al mi radon. Mi devas havi maldekstran radon, sed en la riparejo ili havas nur dekstrajn radojn. Ili devas mendi maldekstran radon de la ĉefurbo. Ili sukcesos ricevi maldekstran radon el la ĉefurbo nur post unu semajno. Kaj ili ne pretas sendi ĝin al mi, mi devos iri al la urbo por preni ĝin.

**Demul:** Kiel vi iros al la granda urbo? Vi ne povos uzi vian taksion, vi ne povos iri per trajno.

**Rados:** Mi povos iri per mia biciklo, sed unue oni devos ripari ĝin.

**Demul:** Ho, ĉu? Kiun parton vi devas ripari?

**Rados:** Mi devas ripari la antaŭan radon. Ĝi nun estas malronda post la akcidento.

**Demul:** Post kiu akcidento?

**Rados:** Post la akcidento, pri kiu mi ĵus rakontis.

**Demul:** Ha, ĉu vi sukcesis trafi la propran biciklon per la propra taksio?! Kiel tio povis okazi?

**Rados:** Jes, bedaŭrinde mi sukcesis eĉ tion fari. Mia frato volis uzi mian biciklon, do mi konsentis prunti ĝin al li.

**Demul:** Do, via frato devis iri al hospitalo post tiu akcidento!

**Rados:** Jes, kaj mi volas viziti lin, sed sen taksio kaj sen biciklo mi ne sukcesas tion fari.

**Demul:** Per trajnoj...

**Rados:** ...oni ne povas atingi la hospitalon.

**Demul:** Do, vi devas unue ripari vian biciklon.

**Rados:** Jes, mi decidis doni ĝin al Mart, la vilaĝa riparisto, sed li ne povis helpi min tuj. Mi devas aĉeti novan radon por ĝi.

**Demul:** Ĉu maldekstran aŭ dekstran?

**Rados:** Tio dependas je kiu flanko de la biciklo vi staras. Malronda estas la antaŭa rado. Sed Mart ne povas vendi al mi antaŭan radon; li povas

---

INSTRU-PUNKTOJ

Mi devas ripari mian aŭton.
Mi ne povas labori nun.
Mi volas aĉeti novan biciklon.
Mi provos telefoni vin.
Mi sukcesis viziti mian amikon.

VORT-KLARIGOJ

kompati: senti kortuŝon al iu.
perlabori: akiri,, havigi al si per laboro.
ŝoforo: persono, kiu kondukas aŭton, buson aŭ taksion.
sekve: pro tio.
provi: klopodi, strebi.
subite: tre rapide kaj senaverte.
trafi: (ĉi-kaze) frapi.
ŝpari monon: konservi monon en banko aŭ sub la matraco.
mendi: fari peton por ricevi varon aŭ servon estontece. En restoracio oni mendas manĝaĵojn.
prunti: doni ion por difinita tempo.
atingi: veni ĝis.
tuj: senprokraste.

trovi nur malantaŭajn radojn en la riparejo. Do, li provis mendi por mi antaŭan radon de la granda urbo. Li sukcesos ricevi antaŭan radon nur post unu semajno. Do, mi devis lasi mian biciklon en la riparejo. Kaj vidu, nun mi devas atendi unu semajnon, sen taksio, sen biciklo kaj sen mono!

**Demul:** Kaj ĉio ĉi povis okazi nur pro unu malbona hundo?

**Rados:** Jes, ho, mi estas kompatinda. Oni devas kompati min!

**Elegant:** (*alvenas kun biciklo*) Ha, saluton Deman, kaj saluton, Nesti!

**Rados:** Saluton Mart! Ĉu tio ne estas mia biciklo?




Desegnis: Pavel Rak

**Elegant:** Jes, vi ne devas aspekti tiel kompatinda! Vidu, mi sukcesis trovi radon por via biciklo. Mi sukcesis ripari ĝin! Mi sukcesis malkovri, ke la malantaŭa kaj la antaŭa radoj de bicikloj estas samaj! Mi povos vendi al vi malantaŭan radon, kaj per tio mi jam sukcesis ripari vian biciklon! Vi povos iri per via biciklo por viziti vian fraton en la hospitalo kaj vi povos poste bicikli al la granda urbo kaj aĉeti novan radon por via aŭto – vi devos diri al ili, ke maldekstra kaj dekstra radoj de aŭtoj estas samaj! Jen, vi povos uzi vian taksion denove!

**Rados:** Bonege! Mi ne volas perdi eĉ unu minuton! Mi volas tuj ekiri. Sed restas unu detaleto por solvi.

**Demul:** Kio estas tio?

**Rados:** Deman, mia amiko, vi devas ligi vian hundon al arbo kaj ne lasi ĝin kuri libere sur la strato!

Stefan MacGill

# mistero kokineja



## aŭ: kial kokinoj dum unu semajno ne produktis ovojn

Kiam mi estis infano, mi loĝis kune kun miaj gepatroj kaj gefratoj en idilia vilaĝeto. Ĝi situis en herbeja pejzaĝo, ĉirkaŭita de kampoj kaj arbaroj. Apude fluis rivereto. Miaj gepatroj kaj ĉiuj najbaroj estis kamparanoj.

Ĉirkaŭ nia hejmo estis aŭdeblaj multaj diversaj sonoj. Fru-matene la koko salutis la tagon per sia kokerikado. Baldaŭ sekvis la ekfajfado de la birdoj. Kiam miaj gepatroj iris en la stalon por prizorgi la bestojn, la porkoj gruntis por ricevi manĝaĵon, la bovinoj laŭte blekis kaj vekis nin, la ĉevalo hene petis pri fojno.

Niaj gefratoj sufiĉe frue devis ellitiĝi, matenmanĝi kaj pretigi nin por la lernejo. Estis pli ol du-kilometra paŝado tien. Dum la longa irado ni ofte pripensis, kion ni entreprenos posttagmeze dum nia libera tempo.

Kiel infanoj ni ĉiam deziris esti plenkreskuloj. Pro tio ni ĉiam provis imiti ilin. Ni ofte surmetis iliajn ŝuojn kaj vestojn kaj ankaŭ gestis kiel ili. En niaj ludoj ni interkonsentis, kiu estu 'la patro', kiu 'patrino' kaj kiuj 'la infanoj'.

Iam ni ludis 'geedziĝ-festo'. Pro tio necesis baki multajn 'kukojn'. Anstataŭ farunon ni ja povis uzi belan helan sablon. "Kial ne preni verajn ovojn?" iu el ni demandis. Ni kompreneble tuj konsentis. Sekve ni iris en nian stalon, kie nestis multaj kokinoj. Je nia ĝojo ni trovis sufiĉe da belaj blankaj ovoj. Ĉiu el ni plenigis la malgrandajn manojn per unu, kaj ni fiere reiris al nia ludeja kuirejo. Tie jam troviĝis pelvoj, bak-formoj, sablo, akvo kaj nun ankaŭ – ovoj. La laboron ni povis komenci.

La 'patrino' knedis la sablan paston per ligna kulero, la aliaj 'familianoj' devis helpi kaj plenumi la ordonojn de la 'patrino'. Ili aldonis 'farunon',, akvon, kaj – kio pleje plaĉis – kokin-ovojn, eĉ ankoraŭ varmetajn. La 'kukoj', flav-koloraj, bel-aspektaj, tiom bone sukcesis, ke ni decidis baki pliajn en la sekvantaj tagoj. Tion ni fakte faris. Ĉiufoje ni




antaŭe iris en la kokinejon por preni freŝajn ovojn. Tiun ludadon ni daŭrigis la tutan semajnon.

Sabate vespere la familio sidis ĉetable. Mia patrino diris al mia patro:

"Strange. Ekde unu semajno niaj kokinoj ne plu demetas ovojn, kvankam ili ankoraŭ estas junaj. Ĉu vi povas imagi la kialon?"

Mia patro diris:

"Tute ne. Ili manĝis tiom da greno kiom antaŭe, kiaj ĉiuj aspektas tute sanaj."

Ni gefratoj maltrankvile alrigardis unu la alian kaj subite eksilentis. Mia patrino demandis nin:

"Cu la manĝaĵo ne bone gustas al vi?"

Ni respondis unuvoĉe:

"Ĝi eĉ bonege gustas, panjo." Kun frapantaj koroj ni daŭrigis la manĝadon kaj ekster-ordinare obeeme kondutis ĉe la tablo.

Post tiu timiga vespero la kokinoj denove produktis ovojn. Nur post kelkaj jaroj ni malkaŝis nian ovo-raban ludon al niaj gepatroj. Ili kore ridis kaj nin ne plu atendis puno.

**Rita Rössler, Harthausen, FR Germanio.**

idilia: tre paca kaj bela.
situi: troviĝi
ŝtalo: domo por farm-bestoj.
fojno: sekigita herbo.
entrepreni: fari.
plenkreskulo: ne plu infano.
imiti: fari simile kiel iu alia.
gesti: movi la manojn.
faruno: blanka pulvoro farita el tritiko, per kiu oni bakas kukon aŭ panon.
sablo: tre tre etaj ŝtonoj, troveblaj en dezerto aŭ ĉe la plaĝo.
nesti: sidi en nesto kaj demeti ovojn.
pelvo: kuireja ujo.
knedi: miksi per la manoj.
greno: tritikaj aŭ maizaj kernoj, kiujn oni donas al kokinoj por manĝi.
puno: malagrablaĵo, kiun oni suferas pro malbona konduto.

# KRUCVORTENIGMO




## SE VI LEGIS ATENTE NIAN REVUON...

Pli facile vi povos solvi ĉi tiun kruc-vort-enigmon, ĉar la kaŝ-frazo estas trovebla ne nur en la linioj H1 kaj H46, sed ankaŭ en iu antaŭa numero de la gazeto.

### Horizontale

1. UNUA PARTO DE LA KAŜ-FRAZO
14. Atingi ion per laboro aŭ aĉeto. (R)
15. Senvokale rara!
16. Duona nodo!
17. Greka litero.
18. "Mi vidas viron. Mi vidas ......."
19. Infana ludilo, per kiu eblas iri supren kaj malsupren.
23. Dormigi. (R)
24. Helpu, subtenu.
26. Amiko (mikse).
27. Ŝerce mensogu.
29. Senvesta.
31. Tri duonoj de dek kvin!
32. Hejmo de birdoj. (R)
33. Mi kaj vi kaj iuj aliaj – ne certe precize kiu. Kutime, tiu, kiu devas fini la laboron.
35. Mallongigo de la deka monato.
37. Elbuŝigi laŭtan sonon. (R)
38. Femalo.
40. Ekzemple Petro, Maria, Habibo.
42. Granda long-pieda migranta birdo.
45. Enhavon de nestoj.
46. DUA PARTO DE LA KAŜFRAZO

### Vertikale

1. La hungara "maro". (R)
2. Provizi per necesaj iloj. (R)
3. Sam-signife.
4. La litersigno por turkaj aŭtoj.
5. "..... la mondo iras forta voko"
6. La rando de robo aŭ tapiŝo.
7. Pikaj armiloj.
8. Trov-loko de karbo (reen).
9. Kun neniu alia; la titolo de unu el la plej famaj kantoj de la Esperanta pop-grupo "Amplifiki". (R)
10. La meza parto de bebo!
11. Ne absoluta.
12. Akvera, kiel malbona krano (reen)
13. La unua vorto, kiun ni diras, kiam ni renkontas iun. La titolo de tre populara rekt-metoda lerno-libro de Esperanto.
19. Eta surstrata vendejo, eble dumtempa.

20. Tranĉo-pova. (R)
21. Poluraĵo por ŝuoj. (R)
22. Agi laŭ admono aŭ ordono.
25. Legu nur la lastan duonon!
28. Landa sekcio (mallonge)
30. Akceli sen li!
32. Fajrujo por baki panon. (R reen)
34. Nur la komenco de nobeleco!
36. La trunketo de planto. (R)
37. "...... estas via nomo?"
39. Io aŭdebla. (R reen)
41. Finaĵo por la estonta tempo.
43. Duono de koko – ne gravas kiu duono!
44. Ansero sen aero!
45. Valora metalo. (R)

Sendu la kaŝfrazon letere aŭ poŝt-karte al la redakcio antaŭ la unua de junio 1988. Ni lotumos libro-premiojn el inter la ĝustaj solvoj kaj anoncos la rezulton en numero 88/3.

**Fórizs József, Gyöngyös, Hungario**

# LETEROJ

Mi legis en numero 4 pri via varba informilo kaj nun mi volas peti, ke vi sendu al mi etan kvanton. Mi volas varbi inter miaj eksaj gelernantoj en la urbo Bern. Plaĉis al mi (kaj mi uzis en la kurso) la poemon "La pingveno".

**Ueli Haenni, Svislando**

Multan ĝojon havis ni ĉiuj el la 4a numero de via revuo. Ĝin ni tralegis de fino ĝis komenco kaj preskaŭ la tutan materialon ni uzos en nia kluba agado. Des pli ĝoje kaj inspire, ke nia klubo "Tondro" el Jonava gajnis unu el la premioj. Nia klubo ekzistas dum du jaroj – la kursanoj estas plejparte gelernantoj.

**Laima Krivickiené, Litovio.**

Nia voroneĵa Esperanto-klubo "Optimisto" aranĝas ekspozicion de infanaj bildoj. Ĉiu sendanto ricevos donacon. Sendu al: Esperanto-klubo, p.k. 5, SU-394000 Voroneĵ, Sovet-unio.

**Vladimiro Lytasov**

Al mi tre plaĉas la poezio de Bertram Potts. Mi petas enmeti en *Juna amiko* pli da situaciaj dialogoj. Lastatempe mi ekspluatas tiun bonegan ideon. Miaj progresantoj tiel interŝanĝas loĝejojn, vendas unu al la alia, marĉandante en bazaro, edzo-edzino disputas-kverelas kien veturi aŭ ferii somere ktp.

**Anatolo Gonĉarov,**
**Moskvo, Sovet-unio.**

Dankon pro *Juna amiko*! Estas bona ideo aldone sendi malnovajn

ekzemplerojn (por trovi lokon por novaj en la redakcio!) Mi havas komencantan infan-grupon kaj klopodas trovi ion por ili en la gazeto. Tamen ekzistas sufiĉe malmulte. Ekzemple, "En io" estis bona. Mi esperas, ke vi trovu tian materialon aŭ provu tion fari. Mi sendas kontribuaĵon – finnan popolkanton.

**Sylvia Hämäläinen,**
**Tampere, Finnlando**

# KORESPONDI

**Melanie Brunner,** Schützenstr. 5, D-7480 Bingen-Hiltzkofen, FR Germanio. 15-jara gimnazianino dez. koresp. tutmonde pri sporto (futbalo), lingvoj, vojaĝoj, ludoj ("nigraj okuloj").

**Perantan servon** por infanoj kiuj volas trovi leter-amikojn en Sovet-Unio organizas la lerneja E-klubo "Stelo de Espero". Skribu pri viaj hobioj kaj deziroj, indiku vian aĝon. "Esperanto", Dvorec pionerov, Aloje pole, SU-454080 Ĉelabinsk, Sovet-unio.

**Salnikov Oleg,** Pugaĉevskij pr. 6-7, SU-150014 Jaroslavlo. 14-jara. Tutmonde pri sporto, muziko kaj ĉiuj temoj. Interŝanĝos kalendarojn.

**Kontrov Nikolaj,** str. E. Kolesovoj 60-5, SU-150052 Jaroslavlo. 14-jara. Tutmonde pri muziko kaj ĉiuj temoj. Interŝanĝos kalendaretojn, kolektas esperantaĵojn.

**Ŝovdin Igor,** str. Gorodskoj val, 9-30, SU-66150049 Jaroslavlo. 13-jara. Tutmonde pri muziko, sporto (futbalo) kaj ĉiuj temoj. Interŝanĝas kalendaretojn.

**Janaina Nascimento da Silveira Gomes,** Rua Marques de Abrantes, 142, Bloco B, e/01, Rio de Janeiro (RJ)/ 13-jara fraŭlino, pri taroko, astrologio, numerologio kaj ekzotikaj kutimoj. Ankaŭ Joanne ĉe la sama adreso (fratino eble, aĝo ne donita) volas korespondi pri la samaj temoj, sed ankaŭ pri ĉiuj temoj.

**Ana Lucia Chaves Feitosa,** Praia de Botafogo, 360, apt. 1209, BR-22250 Rio de Janeiro (RJ), Brazilo. 17-jara junulino pri ĉiuj temoj.

**Claudia Costa de Souza,** Estrada de Fontinha 448, Vila Valqueire-JCPA, BR-21331 Rio de Janeiro (RJ). 19-jara junulino

**Maria Cristina Dos S.G. Holzheimer,** Rua Santo Amaro, 51, Apto. 806, Glória, BR-22211 Rio de Janeiro (RJ). 18-jara junulino pri ĉiuj temoj. (La supraj brazilanoj estas kursfinintoj de Aloisio Sartorato, Caixa Postal 62615, BR-22257 Rio de Janeiro. Li gvidis intensan dumonatan kurson en internacie konata instituto pri la sociaj sciencoj. Li povas proponi ankaŭ plenkreskajn korespondemulojn.

**Audra Damasevičiute,** LTSR 30-ĉio 27-76, SU-235000 Jonava, Litovio, Sovet-unio. 15-jara junulino. Moderna muziko, sporto kaj bestoj. Kolektas bild-kartojn de bestoj (hundoj, katoj kaj ĉevaloj) kaj de muzik-ensembloj.

**Holczmann Mónika,** Münnich F. telep 38, I/2, H-8000 Székesfehérvár, Hungario. 14-jara knabino, dez. korespondi kun knaboj el Japanio, Ĉinio, Koreo, Germanio, Vjetnamio pri turismo, sporto, muziko, futbalo kaj kino.

**Imre Erzsébet,** samstrate, sed numero 58 III/3. 13-jara knabino. Kun knabinoj el Japanio, Meksikio, Aŭstralio, pri naturo, muziko, sporto kaj Esperanto.

**Vinoczai Mária,** samstrate, sed numero 58, II. 11-jara knabino. Kun knabinoj el Pollando pri sporto, naturo kaj Esperanto.

**Németh Ákos,** samstrate, sed numero 66. 11-jara knabo. Kun japana knabo pri sporto kaj Esperanto.

**Tóth Csaba,** samstrate, sed numero 5 IV. 10-jara knabo. Kun knaboj el Ameriko pri sporto kaj Esperanto.

**Bodri Gyula,** Rádió út. 19/a IV/10, H-8000 Székesfehérvár, Hungario. 13-jara knabo. Kun knaboj el Francio kaj Nederlando pri sporto, muziko kaj Esperanto.

**Liaudanskaitė Rasa,** Leininy 1. 6-51, SU-235000 Jonava, Litovio, Sovet-unio. 17-jara lernantino pri ĉiuj temoj.

*Ni volonte aperigos korespondpetojn de junuloj senpage. Bonvolu ĉiam skribi la adreson preslitere kaj klare!*

# matematiko!

Tendarestro donis al Alberto, Karlo, Marko, Petro kaj Trevoro taskon. Ĉiu el ili devis starigi tendon. Trevoro proponis, ke lia pli aĝa amiko, kiu jam faris tion, montru kiel starigi tendon. Alberto timis, ke la tasko estas tro malfacila por li kaj petis la estron, ĉu iu el la pli aĝaj tendaranoj povos helpi lin. Petro, kvankam pli juna ol Alberto, decidis mem eklabori. Karlo, kiu estas pli juna ol Trevoro, la unua sukcesis. Nur poste finis la taskon la du pli aĝaj knaboj. La tendarestro laŭdis Karlon, ĉar li helpis ankaŭ al siaj pli junaj amikoj tiel, ke ĉiuj povis poste iri naĝi.

Sendis: Karel Kraft,
Ĉeĥoslovakio.

*VIA TASKO: Vicigu la kvin knabojn laŭ la aĝo!*

Respondo en sekvonta numero de *Juna amiko*. Sendu viajn respondojn al ni sur poŝtkarto ĝis la 1a de majo. Ni lotumos du libro-premiojn el inter la ĝustaj respondintoj.